cuatro concursantes por no acreditar éstos los suficientes méritos; pero teniendo al mismo tiempo en cuenta que los concursantes habían demostrado su buen deseo, su laboriosidad y su entusiasmo por nuestro ideal, acordó también distribuir entre los cuatro concursantes por partes iguales la cantidad recaudada.

Conocido el fallo del Jurado, contra el que no cabe recurso alguno, y habiéndose recibido, antes de dictarse aquél y después de publicada la adición al premio del Concurso, la cantidad de veinticinco pesetas, de las cuales doce pesetas cincuenta céntimos fueron entregadas por D. Manuel Maynar Barnolas, Presidente de la Federación esperantista aragonesa y representante en el VI Congreso Español de Esperanto, recientemente celebrado en Madrid, de las Corporaciones oficiales, Sociedades y esperantistas de aquella región adheridos al Congreso; y las otras doce pesetas cincuenta céntimos fueron también entregadas, con el mismo objeto, por D. Benigno de Luna Gómez, Secretario del Concurso, sin voz ni voto, resulta que la cantidad a repartir entre los cuatro concursantes es la de cien pesetas, y por consecuencia que cada uno de estos cuatro debe percibir veinticinco pesetas.

Los autores de los indicados trabajos pueden presentarse a recibir cada uno las veinticinco pesetas que les corresponden, en el domicilio social del Grupo Esperantista de Madrid, calle de Sagasta, número 10, 1.°, los martes de siete a ocho de la tarde, después de publicado el presente aviso.

Como por su mucha extensión sería difícil publicar en LA SUNO HISPANA íntegros los cuatro trabajos presentados, una vez que se haya obtenido autorización de todos los concursantes, se insertarán en esta Revista los grupos de frases españolas de más feliz redacción en Español y de más acertada traducción al Esperanto, tomándolos proporcionalmente de los cuatro trabajos presentados.

---

ESPERANTISTA AKADEMIO

Prez. Prof. Th. Cart
(12, Rue Soufflot, Paris)

Nova eldono-Represado dezirata

# PRI LANDNOMOJ

## LA SISTEMO DE D-RO. ZAMENHOF

En la ĉi suba esploro mi tute *objektive* klarigos la zamenhofan sistemon.

Ĝin mi ne intencas, ne *volas* diskuti, sed mi rajtas konstati, ke ĝi zorge atentas pri la necesa rilato inter la nomo de la lando kaj tiu de la regnano, ke tre sufiĉe *logika* ĝi estas kaj ke, kiel skribis, en sia Raporto (paĝ. 8, konkludo), Prof. Grosjean-Maupin «la fideleco al la ĝenerale akceptita tradicio estas, el praktika vidpunkto, pli sendanĝera ol ia ajn provo», sed plie, ke ĉia alia sistemo okazigas fatale inter la Esperantistoj kontraŭstaron, proteston kaj diskutojn nepre evitindajn.

## MALNOVA MONDO

### EŬROPO, AZIO KUN EGIPTUJO (1)

La gento donas sian nomon al sia lando per aldono del' sufikso *-ujo* (2).

(1) Por la antikvaj Grekoj kaj Hebreoj *Egiptujo* estis kvazaŭ Azia «kromlando. Ĝi, — sed ne la cetero de Afriko, apenaŭ konita, — apartenas al la *Malnova Mondo*. — Same por D-ro. Zamenhof, la tradukinto de la Biblio.

(2) Anstataŭ *-ujo* oni ĉiam rajtas uzi *-lando: Franclando* (mallongige kaj skribe: *Francl.)* apud *Francujo*, kiel *pomarbo* apud *pomujo*, *preĝdomo* apud *preĝejo*. — *Lando* ludas tie la rolon de sufikso.

| Gento: | Adjektivo: | Lando | Gento: | Adjektivo: | Lando | Gento: | Adjektivo: | Lando |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Angl-o | -a | -ujo | Grek-o | -a | -ujo | Pol-o | -a | -ujo |
| Bavar-o | » | » | Hind-o | » | » | Portugal o | » | » |
| Belg-o | » | » | Hispan-o | » | » | Prus-o | » | » |
| Brit-o | » | » | Holand-o (2) | » | » | Ruman-o | » | » |
| Bulgar-o | » | » | Hungar-o | » | » | Rus-o | » | » |
| Dan-o | » | » | Ĥin-o | » | » | Saks-o | » | » |
| Egipt-o | » | » | Ital-o | » | » | Skot-o (1) | » | » |
| Fin(n)-o (1) | » | » | Japan-o | » | » | Sved-o | » | » |
| Franc-o | » | » | Norveg-o | » | » | Svis-o | » | » |
| German-o | » | » | Pers-o | » | » | Turk-o | » | » |
| | | | | | | k. t. p. | | |

La sama regulo taŭgas kompreneble por la postmilite restarigitaj sendependaj landoj:

| Gento: | Adjektivo: | Lando | Gento: | Adjektivo: | Lando | Gento: | Adjektivo: | Lando |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Aŭstr-o | -a | -ujo* | Latv-o | -a | -ujo | Slovak-o | -a | -ujo |
| Ĉeĥ-o | » | » | Litov-o | » | » | Ĉeĥoslovak-o | » | » |
| Eston-o | » | » | Slav-o | » | » | k. t. p. | » | » |

# NOVA MONDO

## AFRIKO (3), AMERIKO KAJ OCEANIO

Ĉar, politike, malaperis la primitivaj gentoj, la lando mem donas sian nomon al la regnano per aldono de l' sufikso *-ano*.

| Lando: | Adjektivo: | Regnano | Lando: | Adjektivo: | Regnano | Lando: | Adjektivo: | Regnano |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Alĝeri-o | -a | -ano | Kanad-o | -a | -ano | Peru-o | -a | -ano |
| Argentin-o | » | » | Kapland-o | » | » | Tunizi-o | » | » |
| Aŭstrali-o | » | » | Kolombi-o | » | » | Urugvaj o | » | » |
| Bolivi-o | » | » | Marok-o | » | » | Uson-o | » | » |
| Brazil(i)-o (4) | » | » | Meksiki-o (5) | » | » | Venezuel-o | » | » |
| Ĉil(i)-o | » | » | Nov-Zeland-o | » | » | k. t. p. | | |

(1) Anstataŭ *Fin(n)ujo*, *Skotujo* oni ĝenerale uzas, konforme al la nacia nomo, la formojn: *Fin(n)lando*, *Skolando* (Vidu Rim. 2).

(2) En *Holando*, *gentnomo*, *lando* estas ne sufikso sed parto de l' radiko; parto de l' radiko ĝi estas ankaŭ en la *landnomoj: Nederlando*, *Islando* kaj, se *Ira* gento vere ne ekzistas, en *Irlando;* sekve ilia adjektiva formo estas *Nederlanda*, *Islanda*, k. t. p. kaj la regnana nomo: *Nederlandano*, k. t. p.

*Io* ne estas sufikso por landnomoj; pri tio *ĉiuj* konsentas, kaj sekve, se *i* apartenas al la radiko, la adjektiva ormo finiĝas per *i-a* kaj la nomo de l' regnano per: *i-an-o* (Vidu ekzemplojn en la listo *Nova Mondo* kaj Rim. 6).

(*) Fakte, nova ŝtato de la Aŭstroj.

(3) Esceptinte *Egiptujon* (Vid. Rim. 1).

(4) Ambaŭ formoj: *Brazil-o* kaj *Brazili-o* estas pli malpli internaciaj kaj uzitaj. Oni do rajtas elekti inter ili. Persone mi preferus — ĉar pli simplaj — la formojn *Brazilo* (adjektivo; *brazila;* sed, de *Brazilio*, la adjektivo estas necese brazilia). Pri Ĉil(*i*)o oni rajtas same argumenti.— Ĉar tiaj detaloj neniel kontraŭas al la Zamenhofa kaj Fundamenta principo, plej bone decidos la enlandanoj mem en interkonsento kun la Akademio.

(5) Formo konsilata de D-ro. Zamenhof por diferencigi la landon kaj la ĉefurbon.

## NOMOJ DE PROVINCOJ KAJ URBOJ:

Aldoni la finaĵon *-o* al la provinca nomo: *Brandenburgo, Silezio, Provenco*, — se ne eble, senŝanĝe: *Loiret, Essex*.

Kelkaj nomoj de gravaj ĉefurboj esperantiĝis: *Parizo, Ĝenevo, Kopenhago*.—Aliaj simple alprenas la finaĵon — o: *Londono, Berlino*, — se ne eble, senŝanĝe: *Versailles, Breslau*.

En tiu-ĉi landnoma demando, kiel en aliaj, plej bona gvidanto restas por ni D-ro. Zamenhof.

TH. CART,
Prez. de la Lingva Komitato
kaj de ĝia Akademio.

# Esperanto ĉe la Unio por la Ligo de Nacioj

La jena Rezolucio pri Esperanto estas farita de la *League of Nations' Union* en Londono.

### Rezolucio pri internacia helpa lingvo

La Unio por la Ligo de Nacioj, konsciante, ke reciproka komprenebleco estas esenca por internacia kompreno kaj konkordo, bonvenigas la aprobon de la Brita Asocio (por la Progresigo de la Scienco) pri la enkonduko de internacia helplingvo kiel surogata komunikilo inter personoj, kiuj ne lernis la lingvon unu de la aliaj. Ĝi notas la konkludojn de la Brita Asocio, ke la Latina estus tro malfacila por tiu celo, kaj ke la alpreno de lingvo moderna donus nekonvenajn superaĵojn kaj ekscitus ĵaluzon. Ĝi subtenas la elekton de Esperanto, kiun faris la Brita Asocio, pro

*a)* ĝia neŭtraleco
*b)* ĝia simpleco
*c)* la bone elpensita principaro, sur kiu ĝi baziĝis
*d)* la rapideco, laŭ kiu ĝi estas lernebla

# El Esperanto en la Unión para la Liga de Naciones

Esta resolución sobre Esperanto está tomada por la *League of Nations' Union*, en Londres.

### Resolución acerca de una lengua auxiliar internacional

La Unión para la Liga de Naciones, convencida de que la posibilidad de entenderse recíprocamente es esencial para la comprensión y concordia internacionales, da la bienvenida a la aprobación de la Asociación británica para el progreso de las ciencias acerca de la introducción de una lengua auxiliar internacional como medio substituto de comunicación entre personas que no han aprendido idiomas ajenos. Hace notar las conclusiones de la Asociación británica de que el latín sería demasiado difícil para ese fin y que la adopción de una lengua moderna daría una superioridad no conveniente y excitaría la envidia.

Apoya la elección del Esperanto, que hizo la Asociación británica, por

*a)* su neutralidad;
*b)* su sencillez;
*c)* los bien meditados principios sobre que se basa;
*d)* la rapidez con que se puede aprender;

*e)* la amplekso de ĝia jama uzado.

La Unio por la Ligo de Nacioj bonvenigus deklaron de la Ligo de Nacioj, instigantan la Registarojn de Membro-Ŝtatoj, ke ili kuraĝigu la instruadon de Esperanto en la lernejoj.

*e)* la amplitud con que es ya usado.

La Unión para la Liga de Naciones vería con mucho agrado una declaración de la Liga de Naciones instigando a los Gobiernos de los Estados Miembros, para que ellos protejan la enseñanza del Esperanto en las escuelas.

---

# Maniero fortigi la penspovon

Ni nun povas aranĝi direkti nian studon pri la penspovo, al la afero de la praktiko, ĉar la studo ne kondukanta al la praktiko, estas senfrukta. La antikva deklaro ĉiam estas vera: *La celo de la filozofio estas fini la doloron.* Ni devas lerni disvolvi, kaj poste uzi nian penspovon, por helpi niajn ĉirkaŭestantojn: la vivantojn, kaj la nomatajn *mortintoj;* por akceli la homevoluon, tiel kiel ankaŭ nian propran progreson. La penspovo povas pliiĝi nur per la firma kaj persista praktiko. Tiel laŭlitere kaj vere kiel la muskola disvolvo dependas de la ekzercado, de la muskoloj, tiel ankaŭ la mensa disvolvo dependas de la mensa ekzerco. Estas leĝo de la vivo, ke la disvolvo rezultas el la ekzerco. La vivo, nia *Mi*, ĉiam estas serĉanta pligrandan eksteresprimon per la ĝin havanta formo. Laŭ ĝi estas vokata eksteren per la ekzerco, ĝia premo sur la formon devigas ĉitiun plilarĝiĝi, kaj nova materio estas alportata al la formo, kaj, ĉitiumaniere, parto de la ekspansio daŭriĝas. Kiam la muskolo plilongiĝas de la etzerco, plia vivo alfluas al ĝi, la ĉeloj multiplikiĝas, kaj la muskolo disvolviĝas ĉitiumaniere. Kiam la menskorpo vibras sub la pensado, aldoniĝas al ĝi nova materio de la mensatmosfero, kiu asimiliĝas, pliiĝante tiel la grando kaj la komplekso de la strukturo de la menskorpo. Ĉitiu, konstante ekzercata, kreskas, ĉu estas bonaj, aŭ malbonaj la pensoj per kiuj ĝi ekzerciĝas. La penskvanto

# Modo de fortalecer el poder del pensamiento

Podemos proceder ahora a dirigir nuestro estudio del poder del pensamiento a la cuestión de la práctica, pues el estudio que no conduce a la práctica, es estéril. La antigua declaración siempre es verdadera: *El fin de la filosofía es poner término al dolor.* Tenemos que aprender a desarrollar, y después a usar, nuestro poder de pensamiento, para ayudar a los que nos rodean: los vivos y los llamados *muertos;* para apresurar la evolución humana, así como también nuestro propio progreso. El poder del pensamiento sólo puede aumentarse por la práctica firme y persistente. Tan literal y verdaderamente como el desarrollo muscular depende del ejercicio de los músculos, así el desarrollo mental depende del ejercicio de la mente. Es una ley de la vida, que el desarrollo resulte del ejercicio. La vida, nuestro *Yo*, está siempre buscando una mayor expresión externa, por medio de la forma qne la contiene. A medida que es llamada afuera por medio del ejercicio, su presión sobre la forma hace que ésta se ensanche, y nueva materia es aportada a la forma, y de este modo una parte de la expansión se hace permanente. Cuando el músculo se alarga por el ejercicio, más vida afluye a él, las células se multiplican y el músculo se desarrolla de este modo. Cuando el cuerpo mental vibra bajo la acción del pensamiento, se le añade nueva materia de la atmósfera mental, la cual se asimila, aumentando

kaŭzas la disvolson de la menskorpo; la prensklaro kaŭzas la klazon de materio estiĝanta en ĉitiu disvolvo. Nu: la grizmateriaj ĉeloj de la fizika cerbo, multiplikiĝas laŭ la cerbo sin ekzercas pensante. Postmortaj ekzamenoj pruvis ke la pensula cerbo, ne nur estas pligranda kaj plipeza ol la cerbo de la kruda kamparano; sed ankaŭ ĝi havas multe pligrandan nombron da cirkonvolucioj. Ĉitiuj donas grandan plion da supraĵo al la grizmaterio, kiu estas la tuja fizikinstrumento de la penso. Ĉitiumaniere la menskorpo kaj la fizika cerbo disvolviĝas de la ekzerco, kaj tiuj kiuj volas pli bonigi ilin, kaj pligrandigi ilin, devas sinturni al la regula ĉiutaga penso, en la pripensita celo plibonigi siajn menskapablojn. Estas nenecese aldoni ke la povoj neprestantaj en la konanto, disvolviĝas ankaŭ pli rapide de ĉitiu ekzerco, kaj funkcias sur la fortilojn kreskantaforte.

Por ke ĉitiu praktiko povu plenefiki, ĝi devas esti metoda. Ke homo elektu valoran libron, pri iu afero loga al ĝi, libron verkitan de kompetentulo, kiu enhavas novajn kaj energiajn pensojn. Oni devas atente legi unu aŭ kelkajn sentencojn, kaj poste la leganto devas pensi, intense kaj fikse, pri tio legita. Estas bona regulo pensi dufoje, dumlege (1), ĉar' la celo legi, ne estas, simple, akiri novajn ideojn, sed fortikigi la pensfakultojn. Se eble, oni devas difini duonhoron por ĉitiu praktiko; sed la estudanto devas komenci per kvaronhoron, ĉar komence li trovus iom laciga la fikson de la atento.

(1) La frazo «pensi dufoje dumlege» ne montras klare la kvanton da pensado. Mi duonmemoras esti leginta aliverke pliklaran formulon, nome: «pensi duoblan tempon ol tiun uzitan por la lego de la meditata afero» (N. de la T.).

así en tamaño y en complejidad de estructura. Un cuerpo mental, constantemente ejercitado, crece, ya sean buenos o malos los pensamientos en que se ejercite. La cantidad de pensamiento determina el desarrollo del cuerpo mental; la clase de pensamiento determina la clase de materia que se emplea en este desarrollo. Ahora bien: las células de la materia gris del cerebro físico, se multiplican a medida que el cerebro se ejercita pensando. Exámenes *post mortem* han demostrado que el cerebro del pensador, no sólo es más grande y más pesado que el cerebro del patán, sino que también tiene un número mucho mayor de circunvoluciones. Estas proporcionan un gran aumento de superficie a la materia gris, la cual es el instrumento inmediato, físico, del pensamiento. De este modo el cuerpo mental y el cerebro físico se desarrollan por medio del ejercicio, y los que quieran mejorarlos y agrandarlos, tienen que recurrir al pensar regular, diario, con el propósito deliberado de mejorar sus capacidades mentales. Es innecesario añadir que los poderes inherentes al conocedor, se desarrollan también más rápidamente con este ejercicio, y funcionan sobre los vehículos con fuerza creciente.

A fin de que pueda surtir todo su efecto, esta práctica debe ser metódica. Que un hombre escoja un libro valioso, sobre algún asunto que le sea atractivo; un libro escrito por un autor competente, que contenga pensamientos nuevos y vigorosos. Deben leerse lentamente una sentencia o unas pocas, y luego el lector debe pensar con intensidad y fijeza sobre lo que ha leído. Es una buena regla el pensar dos veces mientras se lee (1), pues el objeto de leer no es simplemente adquirir nuevas ideas, sino el fortalecer las facultades pensantes. Si es posible, debe dedicarse media hora a esta práctica; pero

(1) La frase «pensar dos veces mientras se lee», no muestra claramente la cantidad de pensamiento. Yo tengo idea de haber leído en otra obra, una fórmula más clara, a saber: «pensar doble tiempo del invertido en la lectura del asunto meditado» (N. del T.).

Ciu persono, komencanta ĉitiun praktikon, kaj ĝin regule daŭriganta kelkajn monatojn, konscios, post tiu tempo, tre klaran disvolvon de la mensforto, kaj vidos ke li povas trakti la ordinarajn problemojn de la vivo, en maniero multe pli efika ol antaŭe. La Naturo estas mastrino tre justa ĉe siaj pagoj, kaj donas al ĉiu, ekzakte la salajron kiun ĝi gajnis; sed eĉ ne unu centimon kiun ĝi ne meritis. Ĉiuj kiuj volas havi pliigita la salajron de la fakulto, devas gajni ĝin pensante multe.

(El hispanlingva traduko de l' anglolingva verko de Annie Besant, «La Penspovo: Ĝ a Rego kaj Kulturo», tradukis),

LUIS SANTAMARINA.

Barcelono.

el estudiante debe principiar por un cuarto de hora, porque en un principio encontraría algo fatigosa la fijeza de la atención.

Toda persona que principie esta práctica y la continúe con regularidad durante algunos meses, al fin de este tiempo estará consciente de un desarrollo bien claro de la fuerza mental, y verá que puede tratar los problemas ordinarios de la vida, de un modo mucho más efectivo que antes. La Naturaleza es una dueña muy justa en sus pagos, y da a cada cual exactamente el salario que ha ganado; pero ni un céntimo que no haya merecido. Los que quieran tener el salario de la facultad aumentado, tienen que ganarlo pensando mucho.

(De la traducción al español, de la obra en inglés, de Annie Besant «El Poder del Pensamiento, su Dominio y Cultura»).

LUIS SANTAMARIÑA.

Barcelona.

# Bibliografio

*Universala Kongreso de Esperanto kaj Internacia Somera Universitato.— Kongresa Libro — 1926 — Edinburgo—* 31 julio-7 aŭgusto.

La Loka Komitato de la Kongreso eldonis tre belan 88-paĝan broŝuron kun granda nombro de ilustraĵoj kaj multvalora teksto. Ĝi estas bonega gvidilo tra Edinburgo por la kongresanoj kaj juvela memoraĵo pri nia nunjara kunvenego por ĉiuj samideanoj, ĉu ĉeestintaj ĉu ne la Kongreso.

Jen ĝia resuma enhavo: *La Espero*, muziko kaj paroloj de nia himno.—Patronoj kaj Loka Kongresa Komitato.— La Kongresejo.—Kongresa Regularo.— Internacia Somera Universitato.—Detala programo de la kongresagoj, kun blanka loko por ĉiutagaj notoj.—La Organizo

# Bibliografía

*Congreso Universal de Esperanto y Universidad Internacional de verano.— Libro del Congreso — 1926 — Edimburgo* — 31 julio 7 agosto.

El Comité local del Congreso ha editado un elegante folleto de 88 páginas con gran número de ilustraciones y excelente texto. Es una utilísima guía de Edimburgo para los congresistas y un precioso recuerdo de nuestra asamblea del año actual para todos los correligionarios, ya asistieran o no al Congreso.

He aquí un resumen de su contenido: *La Espero*, música y letra de nuestro himno.—Protectores y Comité local del Congreso.—Local del Congreso.—Reglamento de los Congresos.—Universidad Internacional de verano.—Programa detallado de los actos del Congreso, con

de la Esperanto-Movado.—Kontrakto de Helsinki.—Interna regularo de la Konstanta Reprezentantaro de la Naciaj Societoj.—Lingva Komitato kaj Academio. —La Brita Esperantista Asocio.—Gvidilo al Edinburgo, en dek promenoj.—Urbaj tramvojoj kaj motor-omnibusoj.—Historia tabelo pri Edinburgaj konstruaĵoj.—La tuttaga ekskurso.—Brita mono.—Poŝto.—Plano de Edinburgo kaj multenombraj komercaj anoncoj.

Niaj anglaj samideanoj tute bone scias agi sur propaganda kampo kaj ili meritas nian varman gratulon pro la eldonado de tiel bela libro.

---

Ni ricevis de S-ro. Jules Perlet, Prezidanto de la Svisa Asocio de Esperanto-Fervojistoj (Poŝtkesto transito 560, Bern, Svislando) du laudkartetojn kun serio da belegaj kartoj pri la alpveturado en Svislando, kiel kompletigon al la turista karto eldonita de la Publika Servo de la Svisa Fervojo Federacia, disdonita dum la pasinta jaro. La teksto de tiuj kartoj estas germana, franca, angla, itala kaj esperanta, kaj prezentas bonan propagandilon.

Samtempe ni ricevis artan anoncon pri la Internacia ekspozicio por rivera navigado kaj uzo de hidraŭlika forto en Basel, de la 1ª julio ĝis 15ª septembro 1926.

Ĉiujn diritajn propagandilojn oni povas ricevi senpage petante ilin de la dirita sinjoro, kiun ni dankas pro lia sendaĵo.

espacio en blanco para notas diarias.—La organización del movimiento esperantista.—Convenio de Helsingfors.—Reglamento interior de la Representación Permanente de las Sociedades Nacionales.—Comité lingüístico y Academia.—La Asociación británica esperantista.—Guía de Edimburgo, en diez paseos.—Tranvías y ómnibus de motor de la ciudad.—Tabla histórica de los edificios de Edimburgo.—La excursión en un día.—Moneda inglesa.—Correo.—Plano de Edimburgo y numerosos anuncios comerciales.

Nuestros correligionarios ingleses saben obrar muy bien en el campo de la propaganda y merecen nuestra entusiasta felicitación por la publicación de tan hermoso libro.

---

Recibimos del Sr. Julio Perlet, Presidente de la Asociación Suiza de Ferroviarios esperantistas (Apartado de Correos 560, Berna, Suiza), dos pequeños mapas con una serie de hermosas tarjetas que tratan del alpinismo en Suiza, como complemento del mapa del turista, editado por el Servicio público del Ferrocarril Federativo de Suiza, repartido el año pasado. El texto de estas tarjetas está en alemán, francés, inglés, italiano y esperanto, y constituyen un buen medio de propaganda.

Al mismo tiempo hemos recibido un artístico anuncio de la Exposición Internacional de navegación fluvial y empleo de fuerza hidráulica en Basel, desde el 1.° de julio al 15 de septiembre 1926.

Dichos documentos de propaganda pueden recibirse gratuitamente, pidiéndolos al mencionado señor, a quien damos las gracias por su envío.

TIPOGRAFIA MODERNA, A C. DE M. GIMENO, PRIMADO REIG (antes Avellanas), 9, VALENCIA

Por faciligi al siaj membroj la praktikan uzon de la lingvo kaj favorigi esperantan korespondadon, turismon, komercajn rilatojn, interŝanĝon de poŝtmarkoj, ktp.

Por konatigi la valoron de nia lingvo ĉe interŝtataj oficejoj, grandaj internaciaj societoj, ktp. La sukceso de tiuj klopodoj multe dependas de la nombro de la personoj en kies nomo la Asocio rajtas paroli.

*Universala Esperanto-Asocio* donas:

Al la Membroj: Membrokarton kaj ducentkvindekpaĝan jarlibron kun la adresoj de la Delegitoj, esperantistaj grupoj, gazetoj, organizaĵoj, kun sciigoj pri internaciaj rilatoj, ktp. Ĉiu membro deziranta korespondi aŭ interŝanĝi rajtas presigi dufoje sian adreson en la gazeto *Esperanto* aŭ speciala aldono.

Al la Membro-Abonantoj: La gazeton *Esperanto*, internacia ĉeforgano de la esperantistoj, kun artikoloj literaturaj, sciencaj, teknikaj kaj precizaj informoj pri la movado.

Al la Membro-Subtenantoj: kun la supraj presaĵoj premion konsistantan el valoraj literaturaĵoj laŭ elekto el la jenaj tri sendaĵoj:

1. Verkaro de D-ro. Zamenhof (ok volumoj de tradukoj klasikaj.
2. Internacia Biblioteko Esperanta (32 volumetoj de internacia literaturo; libreto poŝformata).
3. «El Parnaso de popoloj» (poeziaĵoj el tridek lingvoj majstre tradukitaj de Antoni Grabowski).

*Universala Esperanto-Asocio* postulas:

Jaran kotizon de 5 fr. por Membro, de 12'50 fr. por Membro-Abonanto kaj de 25 fr. svisa valoro por Membro-Subtenanto (favorprezo por hispanoj: 6, 15, 30 pesetoj).

Para facilitar a sus miembros el uso práctico del idioma y favorecer la correspondencia esperantista, el turismo, las relaciones comerciales, intercambio de sellos, etc.

Para hacer conocer el valor de nuestra lengua en las oficinas entre estados, grandes asociaciones internacionales, etcétera. El éxito de estas gestiones depende en mucho del número de personas en cuyo nombre tenga derecho a hablar la Asociación.

*La Asociación Universal Esperantista* entrega:

A los Miembros: La Carta de socio y un anuario de 250 páginas, con las direcciones de los Delegados, grupos esperantistas, revistas, organizaciones, con noticias sobre relaciones internacionales, etc. Todo miembro que desee corresponder o establecer intercambio, tiene derecho a que se imprima dos veces su dirección en la revista *Esperanto* o especial suplemento.

A los Miembros-Suscriptores: La revista *Esperanto*, principal órgano internacional de los esperantistas, con artículos literarios, científicos, técnicos y exactos informes sobre el movimiento.

A los Miembros-Protectores: Con los impresos anteriores, un premio consistente en valiosas obras literarias a elección entre las tres remesas siguientes:

1.ª Obras del Dr. Zamenhof (ocho volúmenes de traducciones clásicas).
2.ª Biblioteca Internacional Esperantista (32 pequeños volúmenes de literatura internacional; forma manual de bolsillo).
3.ª «El Parnaso de los Pueblos» (poesías de 30 lenguas, magistralmente traducidas por Antonio Grabowski).

*La Asociación Universal Esperantista* solicita:

Una cuota anual de 5 frs. por Miembro, de 12'50 frs. por Miembro-Suscriptor y de 25 frs. por Miembro-Protector (precio especial para españoles: 6, 15, 30 pesetas, respectivamente).

# Internacia Centra Komitato de la esperanto-movado

Comité Central Internacional del movimiento esperantista

12, Boulevard du Théâtre, Genève (Ginebra) Svislando (Suiza)

*Prezidanto:* D-ro. Edmond Privat, 12, Boulevard du Théâtre, Genève.
*Instruado & Statistiko:* Prof. D-ro. Dietterle, Seumestrasse, 10, Leipzig-Schl.
*Financo & Juro:* W. M. Page, 31, Queen Street, Edinburgh.
*Gazetaro* (Prensa): Rudolf Hromada, Socharská, 333, Praha VII.
*Teknikaj Fakoj* (Secciones técnicas): M. Rollet de L'Isle, 35, rue Sommerard, París, V.
*Socia Fako* (Sección social): Julia C. Isbrücker, v. Beverningkstr. 10, s' Gravenhage.

## Konsilantoj

*Extrem-Oriento:* Won Kenn, Kanton.
*Ameriko:* E. Legrand, Montevideo.

## Administrado

*Ĝenerala Sekretario:* Rob. Kreuz, Genève.
*Sekretario:* Andreo Ĉe, Genève.

# HISPANA ESPERANTO-ASOCIO

(Asociación Esperantista Española)

*Calle de Sagasta, núm. 10, Cruz Roja, Madrid*

*Presidente:* D. José Perogordo, calle de los Santos, 2, Madrid.
*Secretario:* D. Mariano Mojado, Abascal, 13, pral. A. Madrid.
*Tesorero:* D. Juan Carrasco Cuenca, Corredera Alta, 3, 3.°, Madrid (10).

# FEDERACIÓN ESPERANTISTA LEVANTINA

*Calle del Mar, núm. 23, Ateneo, Valencia.*